FONDITA en 1908 - TRIA SERIO

33a Jaro - Nº 232 - Majo-Junio 1965

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.



## STUDPERIODO EN GRESILLON

Dum du semajnoj - ekde la 30-a d e aùgusto ĝis la 12-a d e septembro 1965, S-ro Robert MARTIN, agregacia Profesoro, gvidos studperiodon en nia Esperantista Kulturdomo Grésillon apud Baugé.

Ĝenerale parolante, la programo inkludos ne nur kursojn por gekomencantoj, sed ankaù konversaciojn pri praktikaj temoj.

Laù la deziro de la partoprenontoj, estos eble promenadi sin tra tutmondaj ĉefverkoj, elektitaj de la studentoj mem, aù de la Profesoro.

Al tiu interna, mensa promenado estos almetitaj eksteraj, fizikaj promenadoj, piede aù aùtomobile, tra l a ĉirkaùaj kamparo kaj urbetoj.

Unuvorte ĉio ebla estos farita por helpi ĉiunivelajn gestudentojn en la studado de la Internacia Lingvo Esperanto.

Memkompreneble filmoj, ludoj, diapozitivoj ankaù partoprenos la kursojn!

Venu do amase por studludi kaj ludstudi!

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Jean THIERRY** UFE 34 rue de Chabrol - PARIS (10ème) . Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS :** Le détail en a paru dans le précédent numéro.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## MAINTIEN DU SIEGE SOCIAL A PARIS

(4-ème liste)

Gesinjoroj:

| | |
|---|---|
| BODEREAU | 2,00 |
| DABEZIES | 30,00 |
| MICHEL | 0,50 |
| JACQUOT | 2,00 |
| COURTIS | 4,00 |
| HENAUX | 10,00 |
| Anonyme | 50,00 |
| EVROT | 2,00 |
| SABATIER | 25,00 |
| VANNEAU | 3,00 |
| DIAKOK | 30,00 |
| Anonyme | 50,00 |
| MAILLARD | 10,00 |
| EYMARD | 10,00 |
| OEHRI | 5,00 |
| ROUSSEAU | 1,50 |
| | 235,00 |
| Listes n° 1 à 3 | 4071,00 |
| Total | 4306,00 |

(à suivre)

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Deziras informojn pri la rano-homo-movado: S-ro Ladislao MAROTHY, BUDAPEST, Csarnok ter 3-4 (Hungarujo).

## NACIA KONGRESO EN LE HAVRE

Je la momento kiam ni skribas tiun tekston, jam 130 membroj anoncis sin por partopreni la kongreson. Ni tre esperas, ke tiu nombro pligrandiĝos, kaj ke ni estos tre multnombraj por ĝui ĉiujn erojn de la alloga programo starigita de la Loka Organiza Komitato.

Por la reelekto de la triono de la konsilantaro, estas tri novaj kandidatiĝoj: S-ro AISBERG, inĝ. DETTWILLER, prof. MARTIN Robert.

## SKOLTA ESPERANTISTA LIGO

Por faciligi la laboron, la asocio pretigis laborplanon kun sugestoj, kiamaniere bonvola persono povas esti utila por la enkonduko de la Internacia Lingvo en la Skoltan Movadon. Ĉiu persono, kiu konas skolton, povas nin helpi.

Por ricevi informon pri la maniero laŭ kiu vi povas kunlabori, vi sendu poŝtkarton kun viaj nomo kaj adreso al J. K. HAMMER, Wibautstraat 33, en ZANDAM (Nederlando).

## GAZETARA SERVO DE U. F. E.

Raporto por la Jaro 1964-a

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

Dank'al la klopodoj kaj penadoj de niaj samideanoj, ni konstatas gravan altiĝon de la nombro de la artikoloj kaj informoj pri Esperanto aperintaj en la franca gazetaro dum la lasta jaro.

La eltondaĵoj ricevitaj de la Gazetara Servo sumas je 570 (centon pli ol en 1963).

Inter tiuj, ni kalkulis 169 artikoloj ampleksaj laŭ pli ol 50 linioj kaj 65 estas ilustritaj per interesaj fotoj.

487 estis diversaj informoj malpli longaj, sed ofte trafaj. Almenaŭ 7 gazetoj aperigas regulan esperantan rubrikon.

Ĉi jare ni ricevis neniun artikolon malfavoran, kio estas kuraĝiga simptomo.

Do dum la lasta jaro aperis preskaŭ DU artikoloj potage en la francaj gazetoj! Tio signifas, ke pli kaj pli, ne nur la ekzisto de la Internacia Lingvo, sed ankaŭ multaj el ĝiaj atingoj konatiĝas de la franca publiko. En ties menso, Esperanto ne estas nur kuriozaĵo aŭ utopia projekto, sed praktika realaĵo, kiu funkcias, utilas kaj servas. Tiel, iom post iom, malfido kaj skeptikeco kontraŭ nia afero malaperas, kaj kreiĝas favora etoso preparanta ĝian alprenon de la oficialaj instancoj.

La ricevitaj artikoloj devenas el ĉiuj partoj de nia lando, kaj ni povas fiere konstati, ke la informado jam konsistigas densan reton, kiu atingas ĉiun urbon kaj vilaĝon. Propagando kies efikeco iom post iom montriĝas kaj fine helpos nin atingi la celon.

Grava antaŭenpaŝo fariĝis dank'al la agemo kaj sindonemo de S-ro BOURDEAUX. Li sukcesis -ne sen peno- interesigi la parizan gazetaron kaj la grandajn informagentejojn (inter ili Agence quotidienne d'Informations).

Nun aperas seriozaj informoj en tiaj gravaj gazetoj kiaj Le MONDE, France-Soir, Combat, Paris - Presse, Libération, Paris-Match, k.a.

Le FIGARO eĉ sendis raportiston al la Universala Kongreso en Hago. Tiu ĵurnalisto ricevis drastan impreson de tiu manifestacio, kaj nun eklernas la Internacian Lingvon.

Ankaŭ teknikaj gazetoj ekkomprenas la valoron de nia lingvo, interili ELECTRONIQUE INDUSTRIELLE kaj TOUTE L'ELECTRONIQUE. La fakaj gazetoj ankaŭ favoras nian movadon. Ni citu ekzemple la porvirinaj revuoj l'ECHO de la MODE, MARIE-CLAIRE Inter la bultenoj de kulturaj asocioj, ni rimarkis gravajn artikolojn (Le ROTARIEN, MONDE UNI (federalisma) LETTRE FRATERNELLE (kvakera), LETTRES MISSIONNAIRES (katolika), LE MONDE DES PHILATELISTES, BULLETIN DE L'ASSOCIATION DES FRANCAIS d'OUTREMER, ktp. L'ECO D'ITALIA gazeto de la italoj loĝantaj en nia lando dediĉis longajn artikolojn al Esperanto.

Pli kaj pli, la gravaj manifestacioj de nia movado ricevas favoran eĥon en la gazetaro. Pri la 56-a nacia kongreso en Parizo (1964) ni havas 25 artikolojn, 26 pri la Universla Kongreso, 22 pri la filmo "ANGOROJ", 8 pri la aŭdienco de Paŭlo VIa al la esperantistaj katolikoj.

Konklude, ni konstatas gravan interesiĝon de la gazetoj al nia afero Tio ja estas kuraĝigo kaj esperigo al la fina sukceso. Ni varme gratulas kaj dankas niajn sam-ideanojn, kiuj kuraĝe kaj senlace laboras por la disvastigado de la Internacia Lingvo.

E.MOTILLON

oooooooooooooooooooooooooooooooooooooo

## KARAVANO AL VIENO

Pro la nesufiĉa nombro da interesitoj ni estas devigitaj rezigni pri la antaŭvidita vojaĝo al VIENO per aŭtobuso.

## FRANCA INFORMA KOMITATO

kreita de
Generalo BASTIEN, kaj S-ro WARNIER
Kun S-roj BELHOSTE kaj ROUGETET
en 1953

cele informi la aùtoritatojn, instancojn, sciencajn, industriajn, komercajn, turismajn organizaĵojn pri la helpo, kiun ili povus ricevi de la uzado de la Internacia Lingvo.

Tiu Komitato eldonis proprakoste la "Militistan Vortareton".

Nune, nur S-ro ROUGETET laboras por tiu fako kaj ankaù estas nia reprezentanto ĉe la Ne-registarajn ganizaĵoj (N.R.O.) de UNESKO. Li do estas nia respondulo por la Eksteraj Rilatoj. Lia adreso estas: 71,ter avenue Maréchal Foch, St-Germain-en Laye (78).

Krome, S-ro MOTILLON (10 place du 8 Mai en TOURS (37) ricevas de niaj grupoj la artikolojn, kiuj aperas en la gazetaro. Li komunikas al UFE la jaran statistikon pri tio (vidu lian raporton en tiu numero).

En la historio de U.F.E.diversaj personoj plenumis la gazetaran servon, pli-malpli regule.

De unu jaro, s-ro BOURDEAUX estas la nova respondulo;li brile sukcesis havi amikajn rilatojn kun la plej gravaj parizaj presagentejoj, kiujdissendas informojn al la provincaj gazetoj.Li ankaù zorgas pri la rilatoj kun radio kaj televido. Dum januaro li eldonis sian unuan gazetaran bultenon pri la NOBEL - premio, stratoj Zamenhof kaj radio-dissendoj en Esperanto. S-ro BOURDEAUX havas la helpon de 4 ĵurnalistoj.

En Norda-Francujo, S-ro GILOTEAUX sukcesis havi regulan rubrikon en gazeto.

De tri jaroj,D-ro MAILLARD redaktas kvarfoje po jare Informan Bultenon (5000 ekz.) kiu estas enmetita en nian gazeton, kaj sendita aparte al la instruantoj por la lernantoj, kiuj pagas malaltan kotizon. Doktoro MAILLARD mem sendas ĝin al 300 eminentuloj; ni ankaù vendas ĝin al Belgujo kaj Svisujo.

Kompreneble tiuj aktivecoj okazas en la kadro de la Asocio, kiu pagas la elspezojn de la respondulој, kaj ankaù 2000 F. por la 20000 numeroj de la Informa Bulteno. Laù nia opinio, tiu laboro devas esti gvidata de pluraj personoj, se oni volas seriozan kaj persisteman laboron. Nia Centra Oficejo helpas laùeble, kaj ni ricevas pli aù malpli da kunlaborado de niaj grupoj por starigi la jarajn statistikojn.

---

## RENCONTRE FRANCO ALLEMANDE A ANGERS ET GRESILLON

à l'occasion des Fêtes de Pentecôte

Sous la conduite du pasteur BRINKMANN,un groupe de 50 jeunes garçons et filles (16 à 25 ans) de Lengerich et Osnabruck seront les hôtes de la Maison Culturelle Espérantiste de Baugé du samedi 5 Juin au jeudi IO juin 1965 inclus.

Ils seraient très désireux de rencontrer durant leur séjour, le plus grand nombre possible de jeunes français et faciliteraient éventuellement un voyage de jeunes français en Allemagne.

Donc tous ceux qui seraient intéressés par de telles rencontres - sont invités à faire visite aux jeunes allemands soit à Grésillon les 6-7 juin, soit à Angers le 9 juin après midi.

S'informer au préalable auprès de Mme CHEVERRY, 11 résidence de Strasbourg à ANGERS (tél. 87.73.86)

-xx-xx-xx-xx-xx-xx-xx-xx-xx-xx-xx-xx

Jugoslava 26-jara fraùlino, edukistino por infanoj 3-12 jaraj, deziras helpi en hejmaj laboroj rilate al infanoj en iu franca familio, cele perfektigi sian konon de la franca lingvo. Kompenso: manĝado, loĝado k. iom da mono. Petar VUKAMONOVIC, n°39 Lomina - BEOGRAD (Jugoslavio)

# AVIVA DE LA GRUPAJ !

MARSEILLE - Dum la unua trimestro de la jaro, oni kutime ludis, kantis, diskutis lunde, lernis merkredi kaj piknikis dimanĉe ĉe la kampardomo de samideanino.

Tamen okazis ankaŭ la jara ĝenerala kunveno, la prezentado de la filmo "ANGOROJ", la referato pri geografio de Ĉinio kaj la projekcio de diapozitivoj pri la abatejo kaj la manuskriptoj de la Sankta Miĥaela-Monto.

N I C E - Dum la Internacia Foiro de Nice, kiu okazis de la 4-a ĝis la 15-a de marto, la Nica Grupo havis budon sufiĉe ampleksan kaj belege aranĝitan. Sendis la kliŝon Sro Norbert PAZZINI, laŭ peto de S-ino LUQUET, ambaŭ el la Nica Grupo, kies adreso estas 34 Boulevard du Righi.

:xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx:xx

GEEDZIĜO

la 15-an de majo, F-ino Colette ROUGETET, filino de nia vic-prezidanto S-ro Gabriel ROUGETET, edziniĝis kun S-ro G. SENAUX. Ili akceptu niajn deziresprimojn de feliĉo.

REVEKIĜO DE TULUZA PIRENEA FEDERACIO

La Tuluza(Esperanto-sociéto provos dum la venontaj jaroj, restarigi la Tuluzan Pirenean Federacion. Ni alvokas ĉiujn samideanojn de la regiono por helpi nin; ni devas streĉi niajn fortojn, kunlabori, interŝanĝi niajn ideojn, por ke nia federacio revekiĝu kaj prosperu.

Do,Esperantistoj el "Ariège,Tarn, Aveyron, Lot, Tarn-et-Garonne, Gers, Hautes-Pyrénées, Haute-Garonne"skribu al Tuluza Esperanto - Societo, en Centre Pédagogique, 3 rue Roquelaine TOULOUSE. Ni atendas viajn sugestojn kaj vian apogon.

T. CRISTOFOL

LES ANDELYS:La Zamenhof-kulturcentro pri internacia amikeco ĉiujare premias la plej bonajn esperantolernantojn per vojaĝo k.restado en "esperantujo".Dum la paska libertempo, S-ino VINCENT kondukis unu knabinon al Hispanujo. Jen la impresoj de tiu knabino:

"Post vojaĝo proksimume 20-hora, ni alvenis en Sabadell (Katalunujo). Dum dek tagoj de la paskaj ferioj ni restadis en Hispanujo. Gesinjoroj Criach gastigis nin.

"Hispanujo akceptis nin kun sia ruĝa tero brilanta sub la varma suno Tiu regiono estas tre bela: modernaj kvartaloj kontrastas kun malriĉaj kvartaloj, la kampoj preskaŭ ne kulturitaj, ankoraŭ sovaĝaj, donas al ĝi ian elegantecon.

"Dum tiu restado ni povis viziti la katalunan ĉefurbon, Barcelono, bela urbo kun interesaj monumentoj, Montserrat, bela urbeto staras ĉe monto kaj allogis nin per sia fama monaĥejo. Ni ankaŭ vizitis Sabadell, industria urbo kaj ni promenis tra la kamparo.

Sed tiu restado jam estas finita! Ĝi estis agrabligita al ni de Gesinjoroj Criach kaj de ĉiuj membroj de la Esperanto-klubo.

M.G.GRAFFIN (15 j.)



NEKROLOGO - Ni eksciis pri la morto
========= de Charles THOLLET, el KENITRA (Maroko).

Tiu eminenta samideano multe laboris por nia lingvo, farante propagandon en la oficialaj medioj de Maroko. Li eĉ rilatis kun la ministroj, kaj esperis multe por la estonteco de nia Movado.

Li kunlaboris ĉe la radio, kie li estis bone akceptita; li formis multajn junajn adeptojn kaj gvidis kursojn. Ni devas esperi ke lia bona entrepreno estos daŭrigota.

Malavare li faris multajn donacojn al la movado, kaj helpis U.E.A. eldoni la seslingvan propagandilon, inter kiuj estas la araba.

Ni petas Sinjorinon THOLLET kaj la familio akcepti niajn tre korajn kaj sincerajn kondolencojn.

=:==:==:==:==:==:==:==:==:==:==:==:=

F I L A T E L A   A N G U L O

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

En tiu rubriko ni intencas informi nian legantaron pri la filatelaj okazintaĵoj, kiuj rilatas iamaniere al Esperanto.

En marto, okaze de la "Tago de la Poŝtmarko", oni prezentis en Roubaix kolekton pri famaj pollandanoj inter ili ZAMENHOF. En Parizo, nia amiko ROUSSEAU ricevis bronzan medalon por sia prezentado de "Doktoro ZAMENHOF, kreinto de la Internacia Lingvo, lia bildo sur la poŝtmarkoj kaj la poŝtstampoj". La sama prezentado en la regiona ekspozicio en Aubervilliers ankaŭ ricevis bronzan medalon.

En GAP, dum la regiona kongreso (majo) oni uzis ilustritan poŝtstampon.

mmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmm

MIREILLE filino de Gesinjoroj Michel ROBERT naskiĝis la 3-an de aprilo 65 Niajn gratulojn al la gepatroj.

LA LEGANTO HAVAS LA PAROLVICON
==============================

Mi legis en F.E. N°229 la artikolon de CHARLET kaj volas diri ion pri la afero:

Mi plejparte konsentas ke estus pli bone se ni havus la duonon de la nuna nombro da revuoj. Sed oni ne devas ĉesigi la aperon de ĉiuj "malbonkvalitaj" gazetoj. Mi klarigu la aferon rilate al la sudafrika-esperanto-asocio.

Nia asocio havas nur dudek kvar membrojn. Ili loĝas en diversaj partoj de granda lando (duoble pli granda ol Francujo) kaj malmultaj el ili povas ĉeesti kunvenojn ĉe malproksimaj urboj. Do la asocio ne aranĝas kunvenojn (krom la jarkunvenon). La asocio eldonas gazeton: "Bona Espero" ne bonkvalitan gazeton ĉar la asocio ne havas multe da mono Sen la gazeto la asocio havas nenion Sen la gazeto la asocio perdus la membrojn. DO, se ni ne plu eldonus la gazeton, ni ne plu havus asocion, kaj sen asocio eble (kaj verŝajne) la esperanto - movado en sudafriko perdus membrojn. Do la sudafrika esperanto-asocio eĉ kun sia malbonkvalita gazeto faras bonon por la movado.

Mi ankaŭ volas diri ke manko de pagitaj reklamoj en la esperanta gazetaro plialtigas la eldonkoston kaj kaŭzas malplibonigon de la gazetoj.

Colin BECKFORD
(Sek. SudAfrika Esp°Asocio)

xxxoooxxxoooxxxoooxxxoooxxxoooxxxooo


**L'EUROPE en formation**

**La revue mensuelle des questions fédéralistes européennes et internationales**

Publie chaque mois :
- des articles sur les grands problèmes de politique internationale
- un panorama des activités des institutions européennes et des mouvements qui militent pour l'Europe
- des études sur le fédéralisme

SERVICE GRACIEUX DE 4 MOIS A TITRE D'ESSAI SUR SIMPLE DEMANDE

**« L'EUROPE EN FORMATION »** 6, rue de Trévise, Paris 9e - PRO. 90.72

**Union Française pour l'Espéranto,** *34, rue de Chabrol, PARIS 10e*

# Bulletin spécial

DE LA

# 4e *Semaine Culturelle Espérantiste*

*Semaine organisée sous le patronage du Ministère de l'Education Nationale*

*à la MAISON CULTURELLE DES ESPÉRANTISTES FRANÇAIS*

Château de Grésillon — **BAUGÉ** (M.-&-L.)



**Avant la conférence : « Traductions d'Hamlet en Esperanto », M. le Professeur Martin, agrégé d'anglais (assis), s'entretient avec le Président National, M. Llech-Walter (debout), Directeur culturel du stage.**



**Pendant les conférences, stagiaires et maîtres sont très attentifs : (de gauche à droite) M. Motillon ; M. le Professeur Pragano ; M. Turin, Directeur pédagogique du stage ; M. Pedro Aguilar, Vénézuélien ; normaliennes et normaliens.**

# COMITÉ D'ORGANISATION

**Direction Culturelle :**

M. LLECH-WALTER, président de l'U.F.E., président de l'Association Polytechnique des Pyrénées-Orientales, professeur d'Espéranto au Lycée Arago de Perpignan.

M. BLANC, vice-président d'U.F.E., directeur des cours d'Esperanto aux Ecoles Normales de Bourges et de Nevers.

**Direction Pédagogique :**

M. et Mme TURIN, instituteurs.

**Administration-Intendance :**

M. BABIN, professeur d'Anglais et d'Esperanto au Lycée de Rochefort, et Mme BABIN.

M. JELENC, professeur de Sciences naturelles au Lycée de Châtellerault, et Mme JELENC.

Mlle LETERME, secrétaire administrative de la Maison Culturelle Espérantiste.

# *Les Conférenciers*

**DE L'ETRANGER :**

**M. le Professeur Pragano,** originaire de Roumanie, chargé de cours de roumain et d'esperanto à l'Université d'Amsterdam, membre de l'Académie espérantiste.

**DE FRANCE :**

**M. Blanc,** Professeur d'Esperanto aux Ecoles Normales de Bourges et de Nevers.

**M. Duc-Goninaz,** Professeur agrégé de russe, Président de l'Institut Français d'Esperanto.

**M. Jelenc,** Professeur de Sciences naturelles au Lycée de Châtellerault.

**M. Martin,** Professeur agrégé d'anglais au Lycée Technique de Rennes.

**M. Thierry,** Membre de l'Institut Français d'Esperanto.

# *Les Participants*

Plus de 100, dont 81 stagiaires, élèves de cours d'Esperanto dans divers établissements scolaires et bénéficiant d'une bourse de séjour offerte par l'U.F.E.

Lycée Aix-en-Provence (garçons).

E. N. Bourges (filles).

E. N. Grenoble (garçons et filles).

E. N. Melun (filles).

E.N. Nevers (garçons et filles).

Lycée Perpignan (garçons et filles).

E. N. Versailles (garçons).

En outre, une dizaine de jeunes venus de neuf pays, de trois continents : Allemagne, Danemark, Italie, Hollande, Roumanie, Suède, Suisse, Mali, Vénézuéla.

# Travail et loisirs au cours de la semaine

**Vendredi 9 Avril :**

ARRIVÉE DES STAGIAIRES. Réunion commune. Règlement intérieur et programme d'activités.

**Samedi 10 Avril :**

9 heures : Cours pratique d'Esperanto par M. Turin.
10 heures : Conversation et jeux animés par M. Motillon.
11 heures : Marie-Claude Turin : Causerie avec audition de disques sur Stravinsky.
17 heures : M. Duc-Goninaz, professeur agrégé : « Le Théâtre de Pouchkine ».
21 heures : M. Blanc : « Pays tranquille et luxueux, la Suède », avec projection. Avant-propos de Mlle Ulla Andersson (Suède).

**Dimanche 11 Avril :**

Excursion sur le thème : « Connaissance de l'Anjou et de la Touraine ». Visite des châteaux de Langeais, Azay-le-Rideau, Chinon, Villandry, Saumur.
21 heures : Veillée musicale et artistique.

**Lundi 12 Avril :**

9 heures : Cours pratique d'Esperanto par M. Turin.
10 heures : Cours pratique d'Esperanto par M. le Professeur Pragano.
11 heures : Causerie sur Bourges, par Mlle Bonnet.
11 h. 15 : « En Pologne par l'Esperanto » par Mlle Bourdier.
11 h. 30 : Conversation et jeux, M. Motillon.
16 heures : M. Thierry : « Autres pays, autres mœurs ».
17 heures : « Voyage à Primošten », commenté par des étudiantes de Grenoble, avec projections.
21 heures : M. Blanc : « Aux fjords, aux trolls et au Soleil de Minuit en Norvège », avec projections.

**Mardi 13 Avril :**

9 heures : Cours pratique d'Esperanto par M. Turin.
10 heures : Mlle Suit : « Le Congrès d'Amsterdam ».
11 heures : Visite de la Télévision de Maine-Anjou.
11 h. 30 : « Histoire de Crailsheim » par un jeune allemand, Gunter Vogelmann.
14 heures : Visite de Baugé.
16 heures : M. Martin, professeur agrégé : « Commentaires sur la traduction en Esperanto d'Hamlet ».
17 heures : Causerie sur le Vénézuela, par Pedro Aguilar, Vénézuélien, élève de l'Ecole Polytechnique de Turin.
20 h. 30 : Visite de M. André Petit, Inspecteur à la Jeunesse et aux Sports.
21 heures : « La Spéléologie », par Tazio Carlevaro, étudiant suisse.

**Mercredi 14 Avril :**

9 heures : Cours pratique d'Esperanto par M. Turin.
10 heures : Cours pratique d'Esperanto par M. le Professeur Pragano.
11 heures : Jacqueline Guyon : « Mozart ».
16 heures : M. le Professeur Jelenc : « Nourriture des Plantes ».
17 heures : Causerie sur l'Afrique, par Ibrahim Tambura, du Mali.
19 h. 25 : Diffusion du film sur la Semaine Culturelle, par la Télévision Maine-Anjou.
21 heures : M. le Professeur Pragano : « La Roumanie ».

**Jeudi 15 Avril :**

9 heures : Cours pratique d'Esperanto par M. Turin.
10 heures : Cours pratique d'Esperanto par M. le Professeur Pragano.
11 heures : Mlle Minault : « Le Moulin des Apprentis ».
11 h. 30 : Jeux organisés par M. Motillon.
16 heures : M. le Professeur Pragano : « La Littérature Espérantiste ».
17 heures : Roland Kubler : « Amour de mon Pays ».
17 h. 30 : Mlle Manjo de Jong, étudiante hollandaise : « Amsterdam », avec projections.
21 heures : Présentation du film en Esperanto : « Angoroj » (Angoisses), réalisé par M. Mahé.

**Vendredi 16 Avril :**

9 heures : Cours pratique d'Esperanto par M. Turin.

10 heures : Visite de la Radio de Rennes. Enregistrement diffusé à 12 h. 30.
10 h. 30 : Maria-Teresa Frus, jeune italienne : « En mémoire de Dante ».
11 heures : Jeux animés par M. Motillon.
16 heures : M. le Professeur Pragano : « Quelques chefs-d'œuvre littéraires traduits en Esperanto.
17 heures : Rapport de la Semaine Culturelle, lecture, conclusions.
21 heures : Soirée de variétés et chant des Adieux.

# Le rapport des stagiaires



Le Château de Grésillon ouvrit de nouveau ses portes le vendredi 9 avril, pour accueillir une centaine de participants venus de dix pays de trois continents (Vénézuéla, Mali, Suède, Danemark, Pays-Bas, Allemagne, Roumanie, Italie, Suisse, France) assister à la 4e Semaine Culturelle Espérantiste.

Tout de suite, dans un climat sympathique, le programme répartit nos diverses activités.

Les cours pratiques donnés par M. le Professeur Pragano et M. Turin, suivant la méthode directe, furent particulièrement appréciés, car ils permettent aux nouveaux adeptes de faire de rapides progrès.

Des exposés aux sujets variés apportèrent de quoi satisfaire les intérêts les plus exigeants. C'est ainsi que nous découvrîmes la Norvège et la Suède grâce aux splendides diapositives de M. Blanc ; la Roumanie avec M. Pragano, Professeur de roumain et d'Esperanto à la Faculté des Lettres d'Amsterdam.

Les stagiaires étrangers nous firent également découvrir leur pays : un jeune étudiant du Mali, Ibrahim Tambura, nous parla des mœurs et des coutumes de l'Afrique et se réjouit de la vulgarisation de l'Esperanto dans les pays africains au titre de seconde langue ; un jeune allemand, Gunter Vogelmann, nous conta l'histoire de sa ville, Crailsheim ; une étudiante hollandaise, Manjo de Jong, nous présenta Amsterdam, la Venise du Nord ; Pedro Aguilar nous parla de son Pays natal, le Vénézuela ; enfin, un étudiant suisse, Tazio Carlevaro, fit un exposé très intéressant sur la spéléologie.

Nous suivîmes avec une égale attention les causeries littéraires qui précisèrent et élargirent nos connaissances en ce domaine : M. Duc-Goninaz, Professeur agrégé de russe, nous parla du Théâtre de Pouchkine ; M. le Professeur Pragano réussit à concilier culture et simplicité lors d'exposés qui nous invitèrent à persévérer dans l'étude de la littérature espérantiste ; M. Martin, Professeur agrégé d'anglais, nous commenta deux traductions en esperanto d'Hamlet, l'une faite par le Dr. Zamenhof, lui-même, l'autre par Newell.

M. Thierry nous entretint d'un thème sociologique et M. le Professeur Jelenc de biologie végétale.

Enfin, les stagiaires français, eux aussi, firent des exposés sur des thèmes également divers dont deux sujets musicaux, traités l'un sur Stravinsky par Marie-Claude Turin, l'autre sur Mozart, par Jacqueline Guyon.

Les cours et les conférences laissèrent cependant un peu de place aux jeux, animés avec brio par M. Motillon, et, à la belle excursion du dimanche grâce à laquelle nous fîmes connaissance avec quelques beaux châteaux d'Anjou et de Touraine : Langeais, Azay-le-Rideau, Villandry, Chinon, Saumur.

Lors de ce stage, nous eûmes le plaisir de voir le premier film en espéranto « Angoroj » (Angoisses) réalisé par M. Mahé.

Le temps passa trop vite à Grésillon ! Pourtant, ce bref séjour nous aura permis d'enrichir nos connaissances en espéranto et de développer nos relations humaines. Merci à l'U.F.E. et aux dévoués administrateurs de la Maison Culturelle.

*Un Groupe de Stagiaires.*

Le Gérant : Jean GUILLAUME
Imprimerie COCONNIER — SABLÉ (72)

F.F.E.A. - INFORMADO
===================

Fervojgazetaj rilatoj: Post diversaj klopodoj kaj provoj, informoj pri nia movado kaj la fervojista esperantista agado regule aperas en pluraj fervojaj gazetoj. Ekde de la komenco de la nuna jaro, vi povis legi rubrikojn aŭ artikolojn en:

LA VIE DU RAIL, semajna kolora ilustrita ĝenerala revuo (260000 abonantoj);
ARTS-CHEMINOTS, dumonata revuo de U.A.I.C.F. (paĝo rezervita al nia asocio);
RAIL ET PROGRES, dumonata gazeto de la "Protection Mutuelle" (eldono je 80000 ekzempleroj);
NOTRE TRAIT D'UNION, dumonata revuo de la "A.A.A.A." asocio de la fervojaj metilernintoj;
LA SANTE DE LA FAMILLE, dumonata informilo de la fervoja asocio higienista kaj kontraŭalkohola;
kaj ankaŭ en lokaj aŭ regionaj informiloj:
LE CHEMINOT DU MAINE (dumonata bulteno eldonita en Le Mans);
NORMANDIE CHEMINOTS (Rouen), ENTRE AMIS (dumonata bulteno de la arta societo de sudorienta Parizo).

Por aperigi ion en La Vie du Rail Arts-Cheminots, Notre Trait d'Union aŭ Santé de la Famille, sin turni al H.BERNIER. Aliaj kontaktoj estos pritraktitaj cele atingi pli kaj pli da fervojistoj kaj interesi ilin pri la movado nia.

xxxooxxxooxxxooxxxooxxxooxxxooxxxoox

(20) FAKTO estas ke la vivo, la universo kaj ni mem ekzistas.Konsekvenco kaj same reala fakto estas, ke tiuj realaĵoj ekzistas laŭ iu maniero. Sur tiuj faktoj baziĝas logika vivkoncepto. Petu senpagan ilustritan fald-prospekton ĉe MARTINUS-INSTITUTO Mariendalsvej 94/96 KOPENHAGO (Danujo)

E R A T U M O
=============

En la lastaperinta numero 23I preseista koboldo anstataŭigis ĉiujn signojn de la versoskando per nuraj punktoj!

Ni estas certaj, ke ĉiu el niaj legantoj kompetente korektis la preseraron. Oni do legu sur la paĝo 30, dua kolumno:

...jen la rezultoj rilate al la lasta ekzemplo:

| Shakespeare | Newell |
|---|---|
| °–°/–°/–°/–°/–°/ | °–°/–°/–°/–°/–° |
| –°°/–°/–°/–°/–° | –°°/–°/–°/–°/–° |
| °–°/–°/–°/–°/–° | °–°/–°/–°/–°/–° |
| –°–/–°/–°/–°/–° | –°°/–°/–°/–°/–° |
| °–/°–/°–/°–/°– | °–°/–°/–°/–°/–° |

La amfibrakoj kelkfoje estas anstataŭgitaj per daktiloj (–°°), k a j amfimakroj (–°–); la trokeoj –° per jamboj (°–) ktp...

=::==:==::==:==::=:==::==:==::=:==:=

El Letero de Patro JACOBITTI (Romo)
-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

La esperantistoj, eĉ ne katolikaj el la tuta mondo estas petataj skribi al Radio - Vatikano por esprimi sian intereson al elsendoj en esperanto el tiu asocio.
Fakte la afero interesas ĉiujn.- Estos trafa pruvo de la disvastigo de Esperanto tra la tuta mondo kun sincera deziro aŭskulti la Vatikanan elsendon en la internacia lingvo
La kampanjo jam komencis k. multaj leteroj jam alvenadis.
Rapidu do, ankaŭ vi, sendi al Patro JACOBITTI vian leteron por la Papo. Estas konsilinde, ke tiuj leteroj al la Papo estu enfermitaj en kovertoj adresitaj al P. Hiacinto JACOBITTI, Piazza S. M. Maggiore 8 - ROMO (Italujo)

# RECENZOJ

K V I N T E T O tradukita de T. Naka
=============== mura, eldonita de la Oomota-centra Oficejo (Japanujo). 64 paĝoj, broŝuro je formato 21 x 14 -- prezo: 2,50 F.

KVINTETO tiel titolita ĉar tiu libreto enhavas ekstraktojn el la verkoj de kvin samfamiliaj aùtoroj (Deguŝi). Tiuj aùtoroj estis la gefondintoj kaj la gegvidantoj de la "Oomoto-Movado".

Tiu religia movado estas ne bone konata en nia lando, sed tamen ĝi enkalkulas multajn adeptojn ne nur en Japanujo, sed ankaù en iuj okcidentaj landoj/

Estas interese por ni, ke en 1923 unu el la fondintoj decidis enkonduki esperanton en la internacian korespondado de la movado.

Tiu libreto enhavas religiajn eseojn, moralajn principojn, kelkajn poemojn kaj ĉarmajn rakontojn.

Multe plaĉis al;mi la talentplena stilo kaj la poezia animo de la lasta aùtorino, kies amo al la naturo, al la birdoj, al la floroj aspektas nuntempe tiel freŝa! En nia jarcento oni tro ofte forgesas, ke tiu bela naturo ankoraù ekzistas...

L E G R E E
===========

KIEL ESTI AMATA, de K. Brandys, tra-
=============== dukita de Jerzy Grum Libreto de 65 paĝoj, eldonita de la Pola Esperanto Asocio.

La aùtoro de tiu ĉi rakonto Kazimierz Brandys, estas fama verkisto en Pollando. El ĉi tiu psikologia verketo, oni jam faris filmon, kiu ricevis tri premiojn.

La aùtoro majstre priskribas moralajn konfliktojn de virino en la nenormala vivo, kiun naskis la germana okupado dum la lasta milito.

Tiu eta libro, kiu ofte memorigas la ekzistencialisman etoson de la verkoj de SARTRE, ne povas esti uzata en la porjunularaj kursoj pro sia kelkfoje nemorala temo kaj ankaù pro sia tro moderna stilo, kiu trudus la leganton al granda streĉo por ĝin bone kompreni.

Ĝi tamen estas valora verketo.

L E G R E E
===========

LA NOVAJ VESTOJ DE LA IMPERIESTRO -:
====================================
kaj du aliaj fabeloj de H.C.ANDERSEN en la traduko de Ib.Schleicher; eldonejo KOKO (Danlando) 1964. 52 paĝ. 24 tutpaĝaj koloritaj ilustraĵoj de Gustav Hjorlund. Lukse bindita;formato 27 x 21; prezo: 10,50 F.

Post la ĉarma fabelo de ANDERSEN, "La Marvirineto" kiu aperis en 1962, la granda dane eldonejo KOKO ĵus eldonis novan verkon de la dana fabelisto "La novaj vestoj de la Imperiestro". La tradukon faris inĝeniero Ib.Schleicher, kiun la esperantista legantaro jam bone konas.

Tiu porinfana libro estas tiel bele prezentita kiel la unua, en la sama formato, en la sama vesto. Krom tiu fabelo, ĝi enhavas du aliajn: "Hans-fuŝulo" kaj "Estas tute certe" La tri estas satiraj, humorplenaj k. moralinstruaj.

La amuzaj kolorilustraĵoj de Gustav Hjorlund gajigos la junuletaron Tial, ĉiuj familipatroj devas aĉeti tiun libron, kaj tradukante legi ĝin al siaj infanoj. Estas tute certe ke ĉi tiuj gape interesiĝos a l tiuj mondfamaj rakontoj k. krome konscios pri la utileco de la Internacia Lingvo, kaj eble dank'al tiu unua agrabla kontakto kun Esperanto, ili fariĝos iam esperantistoj!

Ne preterlasu, do, la okazon bone propagandi.

L E G R E E

KVINDEKPAĜA BROŜURO eldonita de la Pola Esperanto-Asocio enhavas du novelojn de Maria KONOPICKA: "Mia poŝhorloĝo", tradukitan de KABE, kaj "La Fumo" tradukitan de Jerzy GRUM.

Ĉi tiu malgranda libreto ebligas al ni taksi la talenton de Mario Konipricka. La literatura valoro de tiuj du noveloj, kaj la bonega stilo de la tradukoj tamen meritus pli bonan prezenton.

Sed espereble ĉi tiu broŝuro instigos esperantajn eldonistojn aperigi antologion de la verkoj de la eminenta pola verkistino.

ALIA BROŜURO de la Pola ESperanto Asocio "Sub la nobla ĉevalo" de A. SCZCYPIORSKI, tradukita de Walery Wiecko.Formato: 10 x 14 60 paĝoj.

En tiu originala kaj fantazia kriminala novelo, la murdinton serĉas vice la mondfamaj detektivoj Sherlock Holmès, Charlie Chan, Hercule Poirot. Kaj ĉiu, per logikaj argumentoj, malkovras la murdinton, sed...ne la saman!

LEGREE

LA NATURA METODO POR RESANIĜI - Eldonita de AMOUR ET VIE (prezo: 2 F.)

Estas tre interesa resumo pri la sana nutrado, la natura bano,la bonfaroj de l'argilo, de l'integra spirado, de l'helioterapio, de la homaj fluidoj, de l'fasto kaj de la fruktkuracado. Fine, ĉiuj rimedoj, kiujn la Naturo metis je nia dispono por kuraci nin aŭ konservi nin en perfekta sanstato.

Tiu ĉi metodo eltrovita de la Frateca Asocio "Amo kaj Vivo" estas praktikata de preskaŭ tridek jaroj de ĝiaj membroj kaj donis la plej bonajn rezultojn de kuraciĝo.

ABONNEL

## LES MYSTERES ROSICRUCIENS

Tous ceux qui aspirent sincèrement aux grandes vérités,désirent améliorer leur existence grâce à une connaissance traditionnelle de la Rose-Croix perpétuée aujourd'hui par l'Ordre Rosicrucien AMORC, peuvent demander l'envoi gratuit du livre LA MAITRISE DE LA VIE. Il est envoyé sans engagement à quiconque s'intéresse aux plus hautes lois de la nature et de la science mentale.

Adressez votre demande à SCRIBE-III - Ordre Rosicrucien AMORC 56 rue Gambetta, VILLENEUVE-SAINT-GEORGES - (78-Seine-et-Oise).Joindre deux timbres pour frais d'expédition.

(Communiqué)

-::--::--::--::--::--::--::--::--::-

## NIA MOVADO

Kreita por fariĝi la Internacia Lingvo - laŭ la absoluta kaj ampleksa signifo de la vorto "internacia"- Esperanto kreis kaj povis krei nur internacian, sed limigitan komunumon kiu eksistas nur per ĝi, etendiĝas dise sur la Tero, kaj kies vivmotivo estas nur ĝi Esperanto.

La progreso de Esperanto povas esti nur la progreso de ĝia propra komunumo, sed la influo de Esperanto eksteren efikas pli kaj pli -kvankam ne proporcie kun ties konstanta -sed ne regula- disvastiĝado.

Tiel, por ĉiuj homoj, inkluzive por tiuj, kiuj ne konos eĉ la nomon de Esperanto, kaj interne de senĉesaj ekonomiaj konfliktoj, proksimiĝas la idealo:

- kies moralan signifon donas,inter aliaj movadoj, nur Esperanto;
- por kiu Esperanto estis kreita;
- kaj el kiu ĝi daŭre vivadas.

Se iu demandas: "Al kio utilas Esperanto?", mi respondas: "Al nenio kaj al ĉio".

Roland JOSSINET

## POR VIAJ FERIOJ VI POVAS ELEKTI...

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

de la 19a ĝis la 22a de aŭgusto:
2-a Internacia Amika Renkontiĝo de Esperantistoj en la urbo SZOLNOK (Hungarujo); sin turni al la tiea Fremdultrafika Oficejo, Kossuth ter. n°9 en Szolnok.

de la 20a ĝis la 31a de julio:
2-a Internacia Seminario kaj Ferio-semajno de la Bulgara Esperanto Junularo en PRIMORSKO ĉe la Nigra Maro Por aliĝi, skribu al Bulgara Esperanto Junularo, P. K. 587 - SOFIO I-antaŭ la 30a de junio 1965.

de la 22a ĝis la 28a de aŭgusto:
Eŭropa-Ferio-Semajno en Svislando en CASLANO apud LUGANO, en la "Svisa Sunĉambro", do en unu el la plej belaj regionoj en la koro de Eŭropo.
Kostoj: 155 sv.frankoj. Informojn donas F-ino Germaine LEMONNIER, 17 rue Emile Agier en ASNIERES (Seine).

oooooooooooooooooooooooooooooooooo

## 3a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTISTA SKISEMAJNO

Ankoraŭ pli sukcesplena ol lastjare, ĝi okazis en la sama loko en Aŭstrio, la lignodomo "Berglandhaus" apud la vilaĝo Grossarl, 60 Km. sude de Salzburgo je alteco de 1620 m.
Ĝin partoprenis 48 samideanoj el 5 landoj. Tiu novspeca fervojista renkontiĝo permesis bonegan interkonatiĝon kaj agrablajn momentojn. La regiono estas taŭga por skiveturi, vagadi kaj ripozi for el la bruaj urboj. La vesperoj estis ege gajaj kaj amikaj dank'al komunaj kantoj, ludoj, ŝercoj, kulturaj kaj folkloraj prezentadoj. Pro la kreskiĝanta sukceso de la afero, du samspecaj semajnoj estos aranĝitaj venontjare.

Hubert BERNIE

## SUB LA SIGNO DE LA VERDA STELO

Unu el la plej novaj esperanto-libroj, enhavas rakontojn de 19 diverslandaj samideanoj pri interesaĵoj el ilia vivo kiel Esperantistoj. Pro ĝia sukceso la eldonejo decidis aperigi duan volumon (kun alia titolo), kaj petas materialon de ĉiu, kiu spertis ion interesan per Esperanto. Ĉiu rakonto ne superu 1500 vortojn.
Bonvolu sendi vian rakonton kiel eble plej rapide al DANA ESPERANTO ELDONEJO, Ingemannsvej n°9 AABYHØJ, (Danujo).

ooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxoox

## VIVO DE LA GRUPOJ (fino)

PARIZO - La 26-an de aprilo, en salono de la Nederlanda Instituto en Parizo, okazis prelego de Prof.PRAGANO pri Rumanujo.
Li klarigis al la kvindeko da ĉeestantoj, la diversajn aspektojn de la historio de sia naskiĝlando, kiu estas fakte sendependa ŝtato nur de unu jarcento.
Post la prelego, oni projekciis 3 filmojn pri la sama lando, kaj la partoprenintoj de nia karavano 1963 al SOFIO vidis kian aspekton la Karpatmontaro havas sub neĝo!
La kunvenon ĉeestis ankaŭ la kultura ataŝeo de la Rumana Ambasado en Francujo.

::::::::::::::::::::::::::::::::::::

## 50a UNIVERSALA KONGRESO en TOKIO

La Japana Budhana Ligo Esperantista okazigos fakkunsidon, kiu enhavos malferman paroladon pri Budhismo en la Universala Kongreso en Tokio.
Por faciligi la laboron de la organizantoj, la interesatoj estas petataj sin anonci al S-ino NORIJORI KATO, Fukuokaken Takaŭagun OTOMACI Ŝimoimato (Japanujo).

## K O N G A   F A B E L O

=====================

### LA VULPO, la HIENO kaj la LEONO

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

Iam la leono malsaniĝis. Kiel ĉiu suvereno, li maltrankviliĝis. Li timis morti. Li venigis ĉiujn bestojn por malkovri la kaŭzon de sia malsaneco kaj trovi rimedon kontraŭ ĝi.

La tuta bestaro respondis al lia alvoko, nur la vulpo diris al sia amikino la hieno: "Mi forvojaĝas al najbara vilaĝo por viziti la kokojn, kiuj tie kantadas ĉiumatene. Mi ne havas tempon, iri ĉe la leono;cetere mi ne estas kuracisto, kaj kial mi scius kiel flegi maljunan leonon!

Kiam ĉiuj bestoj estis ariĝintaj antaŭ la leono, tiu ĉi demandis ĉiun ĉeestanton pri la ebla kaŭzo de siaj doloroj.

La histriko tremante pro timo diris: "Reĝa Moŝto, mi opinias ke liaj doloroj estas kaŭzataj per troa sango en lia korpo; estus rekomendinde ke li ne plu manĝu viandon.

La krokodilo sugestis ke la leono baniĝu en la rivero, por ne esti sufokata per la varmego.

La testudo subtenis la tezon, laŭ kiu la leono ne manĝadas sufiĉe da fruktoj, kaj tial lia sango ne estas purigita.

La simio grimacis, kaj sciigis ke en la densa hararo de lia Moŝto parazitas pedikoj,kiuj malsanigis lin.

La serpento deklaris, ke la leono forgesis sin vakcinigi.

Finfine la hieno postulis la paro lon kaj anoncis: "Nia Reĝo tro maljunas, lia malsano estas ne kuracebla. Li suferos ĝis sia lasta spiro"
Aŭdinte tiujn vortojn, la leono ekkriis furioze: "Tro maljuna! Alproksimiĝu, filakeo, kaj vi sentos ĉu frapo de mia brako estas frapo de maljunulo".

La bestoj estis terurigitaj, kaj la hieno ekploris kaj senkulpigis sin petante pardonon pro siaj senpripensaj paroloj. Kaj ŝi aldonis: "Estas la vulpo, mia najbaro, kiu tiel diris al mi; vi ja scias Eminenta Moŝto, ke mi mem estas malklerulino.

"Se estas tiel", raŭkis la leono, "oni venigu la vulpon".

Oni alkondukis lin. Li prezentis sin ridetante kaj diris: "La hieno estas stultulino; ŝi miskomprenis, mian senkulpiĝon pro mia neĉeesto. Mi estas komisiinta ŝin diri ke mi forvojaĝis por konsulti specialiston pri la malsano de nia kara reĝo kaj fakte estis rivelata al mi taŭga rimedo.

La fama profesoro jam sanigis maljunan leonon, tial eĉ pli bone flegos fortan, belan leonon kiel vi nia Reĝa Moŝto. Mi kuris multe, jes multe ĉar mi devis iri malproksimen; jen kial mi malfruis".

La leono senpacienciĝis kaj volis tuj ekkoni la priskribitan rimedon.

"Reĝa Moŝto, la famega kuracisto rekomendas al via Moŝto vesti sin per felo de ĵus mortigita hieno"!

Je tiuj vortoj la flatuloj aplaŭdegis. Ili ekkaptis la hienon, kaj malgraŭ ŝiaj krioj kaj ploroj mortigis ŝin por oferi ŝian felon al la reĝo!

Esperantigis H.W.GROSSMANN.

---

(El "AFRIKA REVUO" bulteno de la Konga-Esperanto- Instituto - n°1)

## S E R V I C E   D E   L I B R A I R I E

### ETUDE & ENSEIGNEMENT

L'Espéranto, cet inconnu...... 1,25
Espéranto-Manuel.............. 8,00
Esperanto, fil d'Ariane....... 14,00
Fundamento (p. de Albault).... 13,50
Lingvo kaj Vivo.....(bindita). 20,00
Lingvaj Respondoj (Zamenhof).. 7,50
Ludoviko en Nederlando........ 16,00
Ni parolu en Esperanto........ 4,80
Plena Gramatiko (vol.I)....... 12,00

### DICTIONNAIRES

Léger - Albault (F + E)....... 20,50
Waringhien (E + F)............ 33,00
Lexique Léger (E + F)......... 5,40
Naŭlingva Leksikono (Bastien). 10,00
Plena Vortaro de Esperanto.... 15,00
Vocabulaire de poche (Bastien) 3,30

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

Le Docteur Espéranto.......... 6,50
La Esperanto-Movado........... 3,00
La Internacia Lingvo.......... 8,50
Leteroj de Zamenhof (2 vol.).. 28,00
Originala Verkaro............. 18,00
Historio de la Lingvo Espº.... 8,50
Vivo de Zamenhof (Privat)..... 4,50
Zamenhof (M.Boulton).......... 19,00

### LITTERATURE

Angla Antologio............... 14,00
Akbar (Brouwer)............... 5,50
Aventuroj de Marteno Drake.... 4,50
Bildlibro pri Bestoj.......... 11,50
Dana Antologio................ 16,50
Eroj (M. Boulton)............. 12,50
Esperanta Antologio (Poemoj).. 21,50
Fabeloj de Andersen........... 15,00
Fabiola...........(broŝurita). 7,50
Ĝoja Podio (Schwartz)......... 6,00
Héros existentialistes........ 3,00
Invito al ĉielo............... 4,50
Kiel akvo de l'rivero (bind.). 19,00
La Marvirineto................ 10,50
Malsata ŝtono (R. Tagore)..... 16,00
La Naŭzo (Sartre/Bernard)..... 20,00
Normandaj Rakontoj............ 17,00
La Dia Komedio................ 60,00
Peer Gynt (Ibsen)............. 11,20
Reĝo Edipo, Antigono.......... 10,00
La Revizoro (Gogol)........... 4,50
Sonĝe sub Pomarbo (Baghy)..... 10,00
Taglibro de Anne Frank........ 11,50
Topaze - ŝipego "Tenacity".... 10,00
Tartarin de Taraskono......... 7,00
Virineto en Bluo.............. 3,30
Vitralo (J. Francis).......... 6,00

### RELIGION & PHILOSOPHIE

Tio, kion mi kredas (Rostand) 3,00
Maksimoj (La Rochefoucauld).. 2,00
La Nova Testamento........... 3,50
La Sankta Biblio............. 12,00
La Vivo de N.S.Jesuo (Dickens 5,00

### GEOGRAPHIE et VOYAGES

Aŭstralio lando k. popolo.... 3,50
De Parizo al Lazura Marbordo. 1,80
Ekspedicio Kon-Tiki.......... 18,50
Kanako el Kananam............ 11,00
La bela subtera Mondo........ 10,00
Nepalo malfermas la pordon... 15,00
Pariza gvidlibro ilustrita... 3,00
Ŝipestro rakontas............ 8,50
Tempesto super Akonkagvo..... 11,00

### ARTS SCIENCES TECHNIQUES

Atakoj kontraŭ ĝardenplantoj. 15,50
Amuzo per Scienco............ 6,00
Retoriko............(Lapenna 16,50
Sekretoj de la Marestaĵoj.... 7,50
Vivo de la Plantoj........... 11,50

### DISQUES

Cours complet (6 disques plus
(7 livrets..... 84,00

Frais d'expédition et de poste:
20% jusqu'à 10 F. - 15% jusqu'à 20F. et 10% au-dessus. Les ordres sont à adresser avec les fonds à UFE: 34, rue de Chabrol - Paris (10ème)
C.C.P.PARIS 855-35

S.I.T.E.C. Imprimeur 188 Fbg St-Denis PARIS 10   Le Gérant: J.GUILLAUME